# Juvenalo legas ĵurnalon

Kion ili volas? Ĉu veneni la tutan mondon per nutrovaroj kun troo da pesticidoj?



Gaja Haveno
Redaktas César Dorneles Soares
dornelespoa@gmail.com
Eldonoj PDF-forme:
www.esperantors.net.br/gajahaveno

---

# Gaja Haveno

Porto Alegre, RS, Brazilo | **Aŭgusto 2019** | N-ro 44 | Kreita en 1997

# *La bona edzino*



**+ La pluvo**
**+ La Bona Lingvo**
**+ La kuracistino**

# 50aj/60aj jaroj: konsiloj de porvirinaj revuoj en seksista socio

Porvirinaj revuoj en la 40aj kaj 50aj jaroj esprimis la manieron, laŭ vidpunkto de patriarka socio, pere de kiu la virinoj devis agi hejme kaj eksterhejme. Tiaj periodaĵoj en Brazilo pritraktis la aman vivon inter la paroj kaj kiel la virinoj devis neriproĉinde konduti por teni sian geedziĝon.

Pri la temo ni prezentas serion da tiuj konsiloj kiuj hodiaŭ kompreneble povas esti simple taksitaj kiel kuriozaj kaj eĉ ridindaj aferoj danke al la sociaj transformoj vivitaj en la lastaj jardekoj precipe en la kampo de la inaj konkeroj por pli da libereco kaj aŭtonomeco



● Oni ne devas inciti la viron per ĵaluzoj kaj duboj.
(Jornal das Moças, 1957)

● Se ŝi malfidos pri la malfideleco de la edzo, la edzino devos reduobligi la sian kareson kaj korinklino.
(Cláudia, 1962)

● La senordigo en la banĉambro vekas en la edzo la volon baniĝi eksterhejme.
(Jornal das Moças, 1945)

● La edzino devas igi la edzon ripozi dum lia libertempo kaj ne ĝeni lin per hejmaj taskoj.
(Jornal das Moças, 1959)





www.gajahaveno1.
blogspot.com



# Nek = ankaŭ ne

Ĝi estas uzata post alia nea vorto: mi ne renkontis lin **nek** lian fraton (Z). Mi neniom manĝas **nek** trinkas. Sed: la vento kvietiĝas kaj eĉ **ne** unu branĉeto moviĝas. Ripetite inter du vortoj aŭ sintagmo, la unua signifas ne kaj la dua, ankaŭ ne: restas nek konsilo nek konsolo (Z).



# Deveno de la prepozicioj

La plejmulto de la E-prepozicioj devenas el la latina (*apud, antaŭ, ĉirkaŭ, dum, ekster, el, inter, kontraŭ, kun, per, post, preter, pro, sen, sub, super, tra, trans*) aŭ la franca (*al*, *ĉe*, de, em, ĝis, por, *malgraŭ*, *sur*). Devenas el la angla: *spite*. El la germana: *anstataŭ*, *je*, *laŭ*. El la rusa: *krom*, *po*, *pri*. (Referenco*: La Fonto de Esperanto*, de D.B. Gregor (eldonejo Kardo). ●



# Tanto melhor que o esperanto não tenha sido oficializado ainda... (1)

Por ocasião das comemorações do Dia de Zamenhof no Centro Esperantista Miguel Vilagran, em Barcelona, em 1996, Manuel de Seabra proferiu uma palestra em que ele expressa o pensamento que dá título a essa matéria, referindo-se a uma eventual introdução do esperanto como língua oficial da União Europeia. Vejamos a seguir um fragmento de seu pensamento.

“Em razão disso, podemos pensar que o momento do esperanto chegará, mas não logo, nem agora nem amanhã, nem mesmo nos próximos tempos. E fico satisfeito com isso porque se o esperanto fosse adotado logo, seria uma fatalidade para ele, porque a burocracia da União Europeia tem um grande poder e o perigo de eles quererem transformar, corrigir a língua para fazer do esperanto uma língua perfeita existiria. (...) Mas uma língua não pode ser perfeita. Se língua fosse perfeita, ela não seria uma língua, seria uma pasigrafia, um produto da matemática, um código sem expressão, embora até mesmo entre esperantistas sempre tenha havido a tendência de se dizer que esperanto é uma língua lógica. No máximo, o esperanto é uma língua regular. Ela é tão ilógica quanto outras línguas, usando palavras, sintaxe, psicologia. Em razão disso, estou muito feliz pelo fato de os europeus não adotarem logo o esperanto. Na verdade acredito que seria conveniente para o esperanto mais um século de não-oficialidade, para que os esperantistas tenham mais tempo para aprofundar-se na língua, cria uma literatura tão forte que não se poderia mudá-lo.” ●

↱Manuel de Seabra (1932, Lisboa-2017, Barcelona), esperantista português. Escritor, usava o português, o catalão e o esperanto em suas produções literárias.

Tradução de César Dorneles.
Continua na próxima edição

# Sociaj retoj: viroj pli klaĉemas ol virinoj



Esploro farita de Kasperskylab indikas, ke viroj estas pli klaĉemaj ol virinoj kaj estas pli atentaj al la nombro de *mi ŝatas* kaj komentoj pri siaj afiŝoj en la sociaj retoj. Dum esploro en kiu partoprenis 16 750 brazilanoj kaj homoj el aliaj landoj, konstatiĝis, ke estis pli da viroj interesataj diskonigi privatajn kaj embarasajn aferojn pri kolegoj ol virinoj – 14% kontraŭ 8%. Rilate al amikoj, 12% kontraŭ 6%. Ĉio por sukcesi pli da *ŝatoj* en la sociaj retejoj. Laŭ psikologoj tia sinteno ŝuldiĝas al persona sensekuro kiu kondukas al serĉado de atento pri si mem. ●

↱Referenco:
https://pensadoranonimo.com.br/homens-sao-mais-fofoqueiros-que-mulheres-aponta-pesquisa/



# Klimata ŝanĝo



Jorge Riechmann (1962-...) estas profesoro pri morala filozofio ĉe la Aŭtonoma Universitato de Madrido. Li opinias, ke la homaro marŝas al la abismo ĉar ĝi faras efektive nenion konkretan por solvi la seriozan problemon pri la klimata ŝanĝo. El intervjuo lia al la hispanlingva retrevuo *Contexto* oni deprenis kelkajn ideojn liajn pri la temo:

● Por kontraŭstari la klimatan ŝanĝon oni devus antaŭ ĉio demandi pri la fundamentaj bazoj de la kapitalismo, io kio ŝajnas prohibita. Pro tio mi diras, ke la mondaj pintkunvenoj pri la tutmonda varmiĝo ne havas efikajn rezultojn, sed simplaj ekzercoj pri teatra diplomatio.

● Oni kunvokas la homojn por grandaj priklimataj pintkunvenoj kiuj finiĝas per fanfaronaj naturmediaj akordoj, sed tuj poste oni plu taksas la ekologiajn movadojn kiel *arojn da naivaj parioj.*

# Kaf-paŭzo



↦César Dorneles

## Bona Lingvo: ne diru *kaco* sed *peniso*

*La Bona Lingvo* origine temis pri 109paĝa libreto de Claude Piron lanĉita en 1989 en Vieno. En la verkaĵo, *li de ĉiuj flankoj rigardas al la lingvo kaj esprimas sian preferon por konscia eluzo de la originaj vortkreaj ebloj, por ke Esperanto ne evoluu kiel ajna sed "bona" lingvo*, klarigas al ni Vikipedio. Pasis la tempo kaj *Bona Lingvo* fariĝis samnoma neformala grupo – konata ankaŭ kiel *bonlingvismo* - kreita de esperantistoj Anna Löwenstein (Britio) kaj Renato Corsetti (Italio) kun la celo batali kontraŭ nenecesaj neologismoj laŭ ilia vidpunkto. Tamen okazas nuntempe, precipe en sociaj retejoj, la bedaŭrinda fakto, ke kelkaj *fundamentalistaj bonlingvistoj*, mi diru, ne simple sugestas terminojn por anstataŭi aliajn konsideratajn de ili malbonaj sed kondutas malĝentile kvazaŭ ili estus korektantaj vin kaj eĉ multfoje agantaj kun altrudemo. Se ne paroli pri kelkaj trooj en proponoj simple indaj je rido laŭmiaopinie kiel ekzemplo tiu nova de Corsetti por ke oni ne uzu la tabuetan vorteton *kaco* sed *peniso*! Mi trovas tute naiva la ideon, ke oni povu pensi demeti de Esperanto ĝiajn tabuajn terminojn – vole-ne-vole kulturan manifestacion de iu ajn lingvo en la mondo. Li eĉ proponas, ke oni anstataŭigu la tradiciajn monatnomumojn (*januaro*, *februaro*...) por *unua monato*, *dua monato*... ☺ Alie mi antaŭnelonge blokis en Facebook iun *lingvopatrolanton* kiu preskaŭ konstante intencis *korekti* min ĉiufoje kiam mi afiŝis tekston en Esperanto.

# Humuro



- Kiu estas via plej granda neperfektaĵo?
- Mi nazumas en konversaciojn de aliuloj.
- Mi demandis al li.
- Pardonu! ●

## Volas edziĝi



Juna E-isto el DR Kongo mesaĝis al mi pere de Facebook. Li volis mian helpon: trovi por li eksterafrikan virinon al kiu li povu edziĝi. Ĉu la kara leganto povos eventuale helpi min je grava konkretigo de revo de samideano?

## Bolivio



Dum la brazila ekonomio stagnas jam de kvar jaroj kaj tiu de Argentino kolapsas, Bolivio ĝuas plifavoran situacion, sub la regado de Evo Morales, ĉiam subestimita de niaj elitoj ĉirkaŭbrakitaj al la novliberalismo se ne paroli pri antaŭjuĝoj rilate al liaj indiĝenaj devenoj. La lando jam de pli ol sinsekvaj 12 jaroj vivas stabilan ekonomian fazon kaj oni antaŭvidas por 2019 kreskon de la malneta interna produkto laŭ 4%, plie ol Brazilo. Kompreneble niaj amaskomunikiloj ĝenerale tute silentiĝas pri tio samkiel kiel pri la krizo en la lando de la novliberalulo Macri. ●

# Miks-

## Bezonata kuracistino senlabora



Embu-Guaçu, kun ĉ. 70 mil enloĝantoj, estas urbeto je 47 kilometroj for de San-Paŭlo. Ĝia ekonomio estas bazata sur la loka komerco kaj repasoj el la federa registaro. Ĝi nuntempe estas unu el la multaj brazilaj urboj kiuj frontas la problemon pri la fino de la akordo inter Brazilo kaj Kubo rilata al la programo *Mais Médicos* (*Pli da Kuracistoj*). Subite la urbo perdis ĉiujn 16 kubajn kuracistojn kiuj respondecis pri baza sanasistado al la malriĉa enloĝantaro. Nur 8 vakoj estis plenigitaj denove, malsufiĉe por solvi la problemon kiu kreiĝis.

Aliflanke estas la kazo de d-rino Mileydis Caridad González Gutierrez, kuba kuracistino kun pli da 20 jaroj da spertoj en la medicina kampo, aginte inkluzive ĉe internaciaj humanaj misioj, kaj restas en la urbo ĉar ŝi edziniĝis al brazilano. Ŝi agadis ĉe la Baza Sanunuo de la kvartalo Jardim Valflor ĝis kiam ŝi estis demisiigita kune kun aliaj kolegoj. Nun la Unuo ne povas kalkuli je propraj kuracistoj. Mankas anstataŭantoj. Ŝi restas sendunga kaj por pergajni la vivon ŝi sporade flegas pri maljunuloj. Bedaŭrinda afero des pli pro tio, ke ŝia laboro estis agnoskita de ĉiuj.

↱Referenco:

Raportaĵo *Programa sem médicos* en CartaCapital de 12/jun/2019

# La pluvo



Pluvas kaj pluvas kaj pluvas
   kaj pluvas
senĉese, senfine, senhalte,
el ĉiel' al la ter', el ĉiel' al la ter'
are gutoj frapiĝas resalte.

Tra la sonoj de l' pluvo
   al mia orelo
murmurado penetras mistera,
mi revante aŭskultas, mi volus
   kompreni,
kion diras la voĉo aera.

Kvazaŭ ia sopir' en la voĉo
   kaŝiĝas
kaj aŭdiĝas en ĝi rememoro...
Kaj per sento plej stranga,
   malĝoja kaj ĝoja,
en mi batas konfuze la koro.

Ĉu la nuboj pasintaj, jam ofte
   viditaj,
rememore en mi reviviĝis,
aŭ mi revas pri l' sun', kiu
   baldaŭ aperos
kvankam ĝi en la nuboj
   kaŝiĝis?

Mi ne volas esplori la senton
   misteran,
mi nur revas, mi ĝuas, mi
   spiras;
ion freŝan mi sentas, la freŝo
   min logas,
al la freŝo la koro min tiras. ●

↱**L.L. Zamenhof**

# Lingvo




espremedor de limão, laranja
citronpremilo

gorro, boina **ĉapo** vizierĉapo: *boné*



amarrotar ĉifi

fio dental dentofadeno

palito (de dentes)
dentopikilo

detergente deterganto = lesivo

telenovela = dramserio

## Esperantaj sinonimoj

admoni – riproĉi

aflikti – ĉagreni - malĝojigi

agnoski – rekoni

akuzi – kulpigi

alarmo – danĝersignalo

angoro – korpremo

aŭtonoma – sendependa

aŭtoro – verkisto ●

↱Referenco:
Esperantaj Sinonimoj, de Jaan Ojalo (UEA, 1999)

---

abridor de latas= elladigilo, ladmalfermilo

recheio = farĉo ●

↱Referenco:
http://dvd.ikso.net/vortaro/Hejma_vortaro.html





● La edzino devas sinvesti post la edziniĝo kun la sama eleganteco de tiam kiam ŝi estis fraŭlino, ĉar estas necese memori pri tio, ke la ĉaso jam estis farita sed oni devas teni la ĉasaĵon tre malliberigita.
(Jornal das Moças, 1955)

● Se la edzo fumas, ne ekkverelu kun li nur pro tio, ke falas cindroj sur la tapiŝon. Havu cindrujojn disigitajn tra la tuta domo.
(Jornal das Moças, 1957

● La virino devas esti konscia, ke malfacile viro povos pardoni virinon kiu ne rezistis al la antaŭgeedziĝaj spertoj, montrante, ke ŝi estis perfekta kaj unika ĝuste tia kia li ŝin idealigis.
(Cláudia, 1962)

● Eĉ se viro sukcesis distriĝi kun sia koramikino aŭ fianĉino, en la vero ne plaĉos al li vidi, ke ŝi cedis.
(Querida, 1954)

● La longa gefianĉiĝa periodo estas danĝera.
(Querida,1953)

● La loko de la virino estas la hejmo. La laboro eksterhejme maskligas.
(Querida, 1952)

↱Referenco:
https://www.revistaprosaversoearte.com/mulher-no-mundo-machista-as-revistas-femininas-nos-anos-50-e-60/

